# La Bulteneto

Numero 20 ❁ René de Saussure - Jaro 2018

ISBN 978 3 903247 20 8





D-ino Elisabeth Leopold dum gazetara konferenco „Anton Romako”
la 5an de aprilo 2018 en Leopold-Muzeo

## Ekspozicioj „Anton Romako“ kaj „Zoran Mušič” en Leopold-Muzeo, Vieno.

## HISTORIO DE ALBERTINA




# La Bulteneto

Numero 20 • Jaro 2018.

Eldonistoj: Renate kaj Walter Klag.

Redaktejo - eldonejo - presejo:
Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio.
La cifereca versio estas senkosta.
Informoj pri la tarifoj de la presita versio kaj anoncoj:
esperanto@chello.at.

Papero: Mondi Color Copy 120 g $m^{-2}$.
Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono

Skriboj:
Calibri (teksto),
Times New Roman (klarigo de la bildoj).

La paperan version ricevas donace:
Aŭstria Nacia Biblioteko, Vieno, Aŭstrio;
CDELI, La Chaux-de-Fonds, Svisio;
Germana Esperanto-Biblioteko, Aalen, Germanio;
Biblioteko Hector Hodler de UEA, Roterdamo, Nederlando;
Interkultura Centro Herzberg, Germanio;
Esperanto-Biblioteko “Ramon Molera Pedrals”, Barcelona, Hispanio;
Biblioteko de Esperanto-Societo Kebekia, Montrealo, Kanado;
aliaj bibliotekoj post peto.




Bildoj:
Paĝoj 3, 6, 9, 11, 12 Leopold-Muzeo
Paĝoj 1, 5, 14, 19, 21 Walter Klag



# Anton Romako
# 1832-1889
# Komenco de la modernismo

Anton Romako naskiĝis la 20an de oktobro 1832 en Atzgersdorf apud Vieno, hodiaŭ en la 23a distrikto de Vieno. Li estis la tria el kvin senedzecaj infanoj de la kotonvara fabrikisto Josef Lepper kaj ties dommastrino Elisabeth Maria Anna Romako, kiu devenis el Bohemio.
1835 Romako iĝis orfo kaj heredis de la patro grandan posedaĵon. Lia kuratoro malkovris lian talenton kaj subtenis ĝin.




1847, 15jara, li komencis studi historiisman pentradon, kio estis lia ĉefa intereso dumvive, en la Akademio por Figura Arto en Vieno. Ferdinand Georg Waldmüller, lia instruisto, senskrupule kontestis la talenton de Romako. Sekve Romako studis en la ateliero de Wilhelm von Kaulbach en Munkeno. Post

studado en Londono li revenis al Vieno, kie li iĝis privata lernanto de Carl Rahl, lia iama instruisto en la Akademio. Post kverelo ili disiĝis 1853.
La jarojn 1854 kaj 1855 li pasigis en Venecio, kie li studis en la ateliero por akvarelpentrado de la germano Carl Werner. La sekvan jaron li pasigis en Hispanio.
De 1856 ĝis 1877 li loĝis en Romo kaj apartenis al germana-aŭstra artista kolonio. Tamen li havis intensajn kontaktojn kun Aŭstrio, kien li sendis bildojn kaj iĝis membro de artista kooperativo. Romako iĝis renoma portreta kaj ĝenra pentristo. Sur liaj bildoj aperas la pejzaĝo ĉirkaŭ Romo kaj la kamparana vivo. Liajn bildojn aĉetis italoj, sed ankaŭ riĉaj britaj kaj usonaj turistoj. La bavaria reĝo Ludoviko la unua aĉetis du portretojn.
Romako iĝis membro de la viena artista asocio „Eintracht” (konkordo) kaj ekspoziciis du proprajn verkojn en „Österreichischer Kunstverein” (Aŭstria Artista Asocio).
La 11an de junio 1862 Romako iĝis la edzo de Sophie Köbel, la filino de riĉa germana arkitekto kaj romanino. 1864-1871 naskiĝis kvin infanoj: Unu filo kaj kvar knabinoj.
Regulaj vizitantoj de la familio Romako estis gemanlingvaj artistoj, interalie Anselm Feuerbach kaj Franz Liszt, kiu estis la nupta atestanto. En tiu tempo Romako vojaĝis tra Italio. 1861 fondiĝis la reĝolando Italio.
1866 okazis la marbatalo apud Lissa, kie la aŭstria mararmeo, gvidita de admiralo Wilhelm von Tegetthoff, venkis Italion. 1882 kaj 1889 Romako pentris tiun batalon. Li ne montris la batalantajn ŝipojn, kiel estis la kutimo en la historiisma pentroarto, sed surscenigis admiralon Tegetthoff kun liaj oficiroj sur la komandejo kaj matrozojn en la momento antaŭ la decida rampuŝo kontraŭ malamika ŝipo. Dum ekspozicio de tiu pentraĵo en Vieno en 1882 la publiko primokis la bildon, ĉar ĝi montras dramecajn emociojn de la travivantaj personoj. Romako konscie premisis, ke la publiko sciis pri la okazaĵoj dum tiu marbatalo.
Komence de la 1870aj jaroj Romako vojaĝis al Anglio, invitita de la familio Makins. 1873 li restadis en la bieno de Henry Francis Lord Makins proksime de

Londono. Romakon influis la angla pentrista grupo Pre-Raphaelite Brotherhood.



Anton Romako: Knabino el la Sabinaj Montoj, 1870-1872.
Oleo sur lino. Foto Klag.

1876, post 14 geedzaj jaroj, Sophie Romako forlasis sian familion kaj translokiĝis kun sia amanto, la bankisto Max von Dönniges, al Konstantinopolo. Formale la geedziĝo neniam nuliĝis. Romako nomis sin ekde tiam „vidvo“.



Anton Romako: Tegetthoff dum la marbatalo apud Lissa, unua versio, 1882. © Belvedere, Wien

En novembro 1876 li revenis al Vieno kun la du plej aĝaj infanoj. Unu el liaj intimuloj kaj subtenantoj estis lia frato, la mararmea inĝeniero Josef von Romako.

1877 vojaĝo en la Gastein-valon en Salzburg, kie estiĝis la unuaj pejzaĝaj bildoj.

Arkiduko Ludwig Viktor aĉetis lian bildon „Tegetthoff en la marbatalo apud Lissa“.

1878-1879 vojaĝoj al Parizo, Venecio kaj Romo.

1880 Romako ekloĝis en ateliero en Vieno, 19a distrikto, Neugasse 29 (nun Hardtgasse).

Imperiestro Francisko Jozefo la unua aĉetis la bildon „Amazona Batalo” el ekspozicio en Artista Domo.
1882 Romako nomis sin „historiisma pentristo”.
1882-1884 sensukcesa aŭkcio de la verkoj de Romako en la ateliero. La financaj problemoj kreskis.
1887 la plej junaj fililoj de Romako, Mathilde kaj Marie, memmortigis sin kune kun la arkitekto Armoni el Orvieto.
1889 Romako mortis la 8a de marto 1889 en Vieno, Heumarkt 11 pro rena insuficienco. Li ricevis honoran tombon en la Centra Tombejo de Vieno (Grupo 41, serio 12, numero 15).
1905 ekspozicio de verkoj de Romako en Vieno montras la veran artistan kvaliton de li kaj kiel moderna estis lia maniero de prezentado de liaj bildtemoj.

Prononcoj kaj rimarkoj

Romako [rómako]; Josef Lepper [jozef leper]; Atzgersdorf [ácgersdorf], hodiaŭ parto de la 23a distrikto de Vieno; Elisabeth [elízabet]; Bohemio aŭ germane Böhmen estas hodiaŭ parto de Ĉeĥio; Ferdinand Georg Waldmüller [valdmüler], (1793-1865); Wilhelm von Kaulbach [vilhelm de kaŭlbaĥ], Hans Makart (1840-1884); Carl Rahl [karl ral] (1812-1865); Carl Friedrich Heinrich Werner [karl fridriĥ hajnriĥ verner] (1808-1894); Sophie [sofí]; Lissa estis urbo sur la samnoma insulo, hodiaŭ Vis en Kroatio; Wilhelm von Tegetthoff [vilhelm de tegethof] (1827-1871); Henry Francis Lord Makins [henri frencis lord mekins]; Pre-Raphaelite Brotherhood [priréfelajt brátahud], fondita 1848 en Londono, pentris en la stilo de la italo Rafaelo (1483-1520); Max von Dönniges [maks de dőniges]; Josef von Romako [jozef de rómako] (1828-1882); Marie [marí];

Pliaj tekstoj kaj bildoj:
www.leopoldmuseum.org/de/ausstellungen/97/anton-romako

# Zoran Mušič 1909 – 2005
## Poezio de la Silento

Zoran Mušič naskiĝis en Bukovica, vilaĝo en Vipava valo proksime de Gorico. La nomo devenas de la slovena vorto „gorica“, kiu signifas „viteja monteto”; slovene Gorica, germane Görz, itale Gorizia, friule Guriza. Tiu regiono apartenis 1909 al la Aŭstri-Hungaria Monarkio. Pro la Unua Mondmilito (1914-1918) kaj ties sekvoj hodiaŭ Bukovica troviĝas en la ŝtato Slovenio.

Zoran estis la pli aĝa filo de instruista sloven-parolanta familio. La familia klerigado de Zoran kaj de lia pli juna frato estis tre grava. Zoran lernis ankaŭ aliajn lingvojn: La germanan, kroatan, italan, francan kaj iom da friula. Gravis ankaŭ literatura kaj figura arto.

1915 pro batalo en la regiono de la rivero Soĉo la familio Mušič devis forlasi sian hejmlokon kaj ekloĝis en la suda parto de la tiama aŭstria graflando Stirio. 1918, post la Unua Mondmilito, la italaj ŝtataj instancoj malpermesis al la familio Mušič reveni hejmen al Gorico, ĉar la regiono estis okupita de Italio. Tial la familio ekloĝis en Griffen (Grebinji), Karintio, Aŭstrio, kie Zoran vizitis lernejojn. Post la Karintia Plebiscito en oktobro 1920 germanlingvaj aŭstroj forpelis la familion Mušič, kiu finfine ekloĝis en la nove fondita reĝolando de la Serboj, Kroatoj kaj Slovenoj (SHS). En Mariboro Zoran Mušič lernis en gimnazio ĝis 1928, kiam li abituris.

1929 Mušič en la kadro de sia akademia pentrista studado en Mariboro pasigis kelkajn semajnojn en Vieno kaj okupiĝis pri la bildoj de Gustav Klimt kaj Egon Schiele. 1930 ĝis 1934 li studis pentradon en la Akademio por Figura Arto en Zagrebo.

Post la finekzameno, laŭ rekomendo de unu el siaj profesoroj, li vojaĝis al Hispanio kaj okupiĝis pri la kopiado de verkoj de Diego Velázquez (1599-1660) kaj Francisco Goya (1746–1828) en Museo del Prado (Prado-Muzeo) en Madrido, kiuj pli multe impresis lin ol la Vienaj pentristoj. Dum tri monatoj li vojaĝis tra Hispanio, antaŭ la intercivitana milito tie.

1935 li revenis al Mariboro kaj iĝis membro de la loka artista grupo „Brazda" kaj laboris kadre de tiu grupo kiel la plej atrakcia pentristo en Mariboro. Li ne kunlaboris en la organizo de Brazda-klubvivo, sed li aldonis gravecon al Brazda pro siaj bildoj en Brazda-ekspozicioj.

Sekvis armea servo. En la jaroj poste li pasigis la somerojn en Dalmatio, pentrante multajn bildoj de la regiono, kiun li tre ŝatis.

1936 okazis lia unua ekspozicio kun la grupo „Neodvisni" (Sendependuloj).

1940-1943 Mušič loĝis en Ljubljano, Triesto kaj Venecio, kie okazis lia deka ekspozicio.



Zoran Mušič en Parizo, 1989
© Ferdinand Neumüller, Klagenfurt. Foto: Ferdinand Neumüller, Klagenfurt

1944 li konatiĝis kun sia estonta edzino, la pentristino Ida Cadorin (poste profesie pseŭdonime Barbarigo) en Triesto.
Tiam pro politikaj kialoj li kaptiĝis de la germanaj trupoj; li ne volis kunlabori kun ili kaj tial li transportiĝis al la kaptitejo ĉe Dachau en Bavario, kie li devis restadi ducent tagojn. Li devis labori kiel tornisto en subtera municia fabriko dekdu horojn tage. Ĉiutage li konfrontiĝis kun murdo, malsato, perforto kaj malsano. Miloj mortis pro tifo antaŭ kaj post la liberigo fare de la usonaj trupoj. Mušič desegnis, kiel li poste diris, per inko, karbo kaj kreto sur papero, kiujn li „organizis" en buroo, ne por dokumenti la situacion, sed pro sia febra desegnemo. El la ducent skizoj li portis kelkajn al Ljubljano.

Malsanega li revenis al Ljubljano, sed ne volis resti tie, ĉar la komunistoj suspektis lin pri spionado. Sekve li turnis sin al la parencoj en Gorico, kie li denove estis opresita kaj por mallonga tempo enkarcerigita fare de komisaroj de la itala armeo. Tial en oktobro 1945 li ekloĝis en Venecio, kie li trovis rifuĝejon ĉe la artista familio Cadorin. En 1946 li denove ekpentris. Unue temis pri vidaĵoj de Venecio, ĉevaloj kaj portretoj similaj al mumiaj portretoj el la egipta urbo Fajumo. En Venecio la bizancaj mozaikoj de la preĝejo San Marco kaj la preĝejoj en Raveno daŭre influis lin.

1949 Zoran Mušič kaj Ida Cadorin-Barbarigo geedziĝis. Ili ne havis infanojn. Zoran kaj Ida ne uzis komunan atelieron, ili laboris sendepende. Tamen ili interŝanĝis opiniojn kaj spertojn pri la arto. Zoran Mušič foje portretis sin kaj sian edzinon, sed neniam alian personon, ĉar - kiel li mem konstatis - li nur scipovis portreti homojn, kiujn li bone konis. Alikaze li povus sole fari „maskon de iu persono”.

Pro diversaj ekspozicioj kaj premioj Mušič iĝis pli kaj pli konata. En lia venecia ateliero vizitis lin la aŭstria pentristo Oskar Kokoschka (1886- 1980), la usona pentristo Mark Tobey (1890-1976), anoj de la familio Rothschild, amikoj el lia junaĝo, ĵurnalistoj kaj slovenaj artistoj.

1952 Zoran kaj Ida translokiĝis al Parizo, kie ili rezidis kaj laboris dum kelkaj jardekoj. Sekvis multaj ekspozicioj en diversaj urboj. Venecio plue restis ilia dua loĝ- kaj laborloko. Tiutempe Zoran Mušič komencis pentri abstrakte, sed post 1963 li iom post iom revenis al la realismo.

1973 Mušič realigis 30 metrojn grandan mozaikon en la interna korto de la Hotelo Hilton en Munkeno.

En la 1970aj jaroj la militoj en Vjetnamio, Biafro en Niĝerio (okcidenta Afriko) kaj Koreio vekis liajn memorojn pri la Dua Mondmilito kaj liaj travivaĵoj en Dachau. Li pentris la bildojn de la ciklo „Ni ne estas la lastaj”.



ZORAN MUŠIČ, Virinoj survoje al la merkato, 1949
© Arnaldo Zappa collection, Milan Foto: FotoRolli, Triesto
© Bildrecht, Vieno, 2018

1990 Mušič iĝis membro de la Jugoslavia Akademio de la Sciencoj kaj Artoj an Zagrebo. Du jarojn poste sekvis ekspozicio en la muzeo Albertina en Vieno.

1995 okazis en la Granda Palaco en Parizo ampleksa retrospektivo de Mušič. Ĝi malfermiĝis fare de la franca prezidento François Mitterrand – li kaj Mušič jam delonge estis amikoj – kaj de la slovena prezidento Milan Kučan.

Tipa por la lasta periodo, kiam Mušič estis preskaŭ blinda, perdinta siajn spiritajn kaj korpajn kapablojn, estas svage konturaj memportretoj kaj fantomecaj figuroj, malmultaj malhelaj koloroj, malklarkonturaj vizaĝoj; la bildoj transdonas la impreson kaj sentojn de paliĝo, malapero, forpaso, kiuj respegulas la internajn emociojn de Mušič .



ZORAN MUŠIČ, Ida, 1990
© Courtesy Galleria Torbandena, Triesto
Foto: FotoRolli, Triest © Bildrecht, Vieno, 2018

2005 Zoran Mušič mortis dum la dormo en sia ege ŝatata Venecio, en Palaco Balbi Valier je Dorsoduro 866, la familia hejmo de Ida Cadorin. Li entombiĝis en la fama tombejo de Venecio sur la insulo Sankta Mikaelo (San Michele).

Pramistoj – li bildigis tiajn en siaj verkoj - transportis la korpon de Zoran Mušič de la palaco al la insulo.

Nur kelkajn monatojn antaŭ sia morto Ida Cadorin-Barbarigo, pentristino kaj la edzino de Zoran Mušič, disponigis kelkajn eminentajn pentraĵojn el sia posedaĵo - la ateliero Zoran Mušič - al la aktuala ekspozicio en Leopold-Muzeo. Ida naskiĝis 1925 en Venecio kaj mortis 92jaraĝa la 15a januaro 2018 en sia Palaco Balbi Valier.

La ekspozicio „Zoran Mušič – Poezio de la Silento” viziteblas en Leopold-Muzeo ĝis la 6a de aŭgusto 2018.

## Prononcoj kaj rimarkoj

Mušič [muŝiĉ]; Bukovica [búkovica] tiam en Aŭstri-Hungario, nun en la okcidenta parto de Slovenio, proksime de la itala landlimo; Soĉo, itale Isonzo [isonco]; Stirio, germane Steiermark [ŝtajermark], estas nun federacia lando de Aŭstrio. La suda parto de Stirio apartenas nun al Slovenio kaj nomiĝas Štajerska [ŝtájerska]; Karintio, germane Kärnten, estas nun federacia lando de Aŭstrio; Maribor [máribor]; Gustav Klimt [gustaf klimt]; Egon Schiele [egon ŝile]; Velázquez [velasges]; Francisco Goya [francisko goja];
Brazda signifas sulko; Cadorin [kádorin]; Dachau [daĥaŭ]; Kokoschka [kókoŝka]; François Mitterrand [fransoá miteráŭ]; Rothschild [rotŝild].

Pliaj informoj kaj fotoj:
www.leopoldmuseum.org/de/ausstellungen/97/anton-romako



# HISTORIO DE ALBERTINA




## La palaco kaj la kolekto ĝis 1918

La vorto Albertina hodiaŭ havas du signifojn: Unue ĝi estas la nomo de la habsburga palaco sur Aŭgustina Bastiono en Vieno; due tiel nomiĝas la plej granda kolekto de grafikaĵoj en la mondo, kiu troviĝas ekde la fino de la 18a jarcento en tiu palaco.
Sur la tereno, kie nun staras la palaco, dek unu metrojn super la nivelo de la imperiestra ĝardeno, troviĝis komence de la 17a jarcento la tiel nomita Hofstadel, kiu apartenis al la fortikaĵoj el la tempo post la sieĝo fare de la turkoj en la jaro 1529. En la dua parto de la 17a jarcento Hofstadel malkonstruiĝis kaj oni konstruis tie la kortegan konstruan oficejon.
1742 la direktoro de la kortega kunstrua oficejo Emanuel Teles da Silva Tarouca (ankaŭ: Taroucca; 1696-1771) ricevis de la imperiestrino Maria Theresia la permeson alikonstrui tiun kortegan konstruan oficejon al palaco,

kiun oni nomis tiam „Palaco Tarouca“. Tarouca estis la filo de la portugala ambasadoro kaj dum multaj jaroj edukisto, grava konsilanto kaj intimulo de Maria Theresia. Li pensiuliĝis en la jaro 1757 kaj Maria Theresia aĉetis la palacon por uzi ĝin kiel gastdomon.

La sekvaj rezidantoj estis Albert Kasimir de Sachsen-Teschen (1738-1822) kaj lia edzino arkidukino Maria Christina (1742-1798), la plej amata infano de Maria Theresia. Ili geedziĝis 1766 en Schlosshof. En la sama jaro Maria Christina donacis al Albert unu presitan grafikaĵon, kio instigis lin kolekti artaĵojn. Tuj poste Albert iĝis guberniestro por Hungario por sia bopatrino kaj loĝis kun Maria Christina en Preßburg (hodiaŭ Bratislavo). Tie li celkonscie kolektis grafikaĵojn, instigata de sia edzino, kiu interesiĝis pri arto kaj mem bone desegnis. Ŝiaj desegnaĵoj iĝis parto de la kolekto. Dum la tuta vivo ŝi estis artosentema kaj fortege subtenis sian edzon en la kolektado ne nur finance, sed ankaŭ konsilante. Do ili havis komunan intereson pliampleksigi tiun kolekton.

Pro klerigo kaj vizitado de parencoj en Florenco, Modeno kaj Napolo Albert kaj lia edzino vojaĝis de januaro ĝis julio 1776 tra Italio. Ili transdonis mesaĝojn, vizitis artajn kolektojn kaj militajn fortikaĵojn, migris sur la monton Vesuvio kun Lord William Hamilton, kiu enkondukis ilin en la vulkanologion. En Venecio la 4an de julio 1776 la aŭstria ambasadoro Giacomo Conte Durazzo transdonis al la geedzoj pli ol mil kuprogravuraĵojn, kiuj pligrandigis la grafikaĵan kolekton, kiu hodiaŭ estas la plej granda en la mondo.

En tiu tempo oni ne plu nur amasigis kuriozaĵojn, sed fondis science ordigitajn kolektojn kaj bibliotekojn.

1780 Albert iĝis la aŭstria guberniestro en Aŭstria Nederlando, kie la kortega arkitekto Louis de Montoyer (1747-1811) novkonstruis norde de Bruselo en rura regiono la kastelon Laken, kie la paro loĝis.

En la jaro 1792 Albert kaj Maria Christina pro revolucio devis fuĝi kun la kolekto unue al Dresdeno, la hejmurbo de Albert, poste ili translokiĝis al Vieno. Tie 1795 imperiestro Francisko la dua subtenis ilin finance kaj donacis al ili la palacon de la iama posedanto Tarouca.

Albert komisiis sian arkitekton Montoyer adapti la palacon por siaj grafikaĵa kolekto kaj biblioteko kaj alkonstruigis reprezentativan alon inter la jaroj 1802 kaj 1804, uzante ankaŭ parton de la Aŭgustina monaĥejo, kaj la palaco iĝis pli ol duoble pli granda. La nun 150 metrojn longa fasado apud la imperiestra palaco Hofburg montris imprese la financan povon kaj memkonscion de tiu duko. La interiorajn objektojn de la palaco Laken li integris en la novajn pompajn salonegojn: Silkaj tegaĵoj el Lyon, artaj marketroj kaj orumitaj kristalaj lustroj. La artaĵoj estis transportitaj per tri ŝipoj de Laken tra Hamburgo al Dresdeno, sed unu el la ŝipoj dronis en Manika Kanalo pro ŝtormego.

Dum la alikonstruado la paro loĝis en palaco Kaunitz apud Vieno, kie Maria Christina mortis en la jaro 1798. Ŝi iĝis nur 56-jara. Maria Christina estis la sola infano de Maria Theresia, kiu rajtis edz(in)iĝi ne pro la habsburga dinastia strategio de la imperiestrino, sed pro ama rilato.

Laŭ ordono de Albert la tiam plej fama itala skulptisto Antonio Canova (1757–1822) konstruis piramidan tomban monumenton por Marie Christine. Tiu cenotafo staras en Aŭgustina Preĝejo, ĉe Albertina. Temas pri la unua publika tomba monumento por virino en Vieno. Aŭgustina Preĝejo estis la kortega preĝejo de la Habsburgoj.

Siajn lastajn vivjardekojn Albert pasigis en sia palaco sen multaj kontaktoj kun la publiko kaj pliampleksigis sian kolekton. 1816 li decidis, ke la kolekto estu fideikomiso, do nedisigebla kaj nevendebla valoraĵo. Post la morto de Albert en la jaro 1822 liaj heredantoj pligrandigis la kolekton, kiu poste iĝis parto de

la Habsburga familia fonduso. La unuan fojon oni nomis la kolekton „Albertina” en la jaro 1870, por memorigi la nomon de la fondinto.

Post Albert loĝis en la palaco:
1822-1847 arkiduko Carl (1771-1847), adoptita filo de Albert, samtempe nevo de Marie Christine, kaj venkinto super Napoleono apud Aspern 1809, kaj ties edzino princino Henriette de Nassau-Weilburg (1797-1829). Carl komisiis la arkitekton Josef Kornhäusel (1782-1860) alikonstrui la palacon, ĉefe la internon kaj la pompan ŝtuparon kun la du sfinksoj el aŭstria kalkŝtono.
1847-1895 arkiduko Albrecht (1817-1895) kaj princino Hildegard de Bavario (1825-1864). Albrecht estis la plej aĝa filo de arkiduko Carl. Albrecht venkis Italion dum la batalo ĉe Custozza 1866. Al li memorigas rajdista statuo antaŭ la ĉefenirejo de Albertina, starigita 1899.
1895-1919 arkiduko Friedrich (1856-1936) kaj princino Isabelle de Croy-Dülmen (1856-1931). Friedrich adoptiĝis post la morto de sia patro fare de sia onklo arkiduko Albrecht. La paro venis 1874 de Preßburg al Vieno kiel la heredantoj post Albrecht. Friedrich estis edukita mineja inĝeniero, metalurgo kaj agrikultura entreprenisto kaj okupiĝis ankaŭ pri laktobrutbredado. Sur siaj posedaĵoj en Teschen li starigis kvazaŭ laktan imperion kaj iĝis la plej riĉa persono en la monarkio. 1914-16 li estis feldmarŝalo kaj havis la ĉefan komandon dum la Unua Mondmilito. 1919 li senposediĝis fare de la Respubliko Aŭstrio kaj perdis la palacon kaj la grafikaĵan kolekton. Kun sia familio li translokiĝis al la hungara urbo Altenburg (hodiaŭ Mosonmagyaróvár). Tie li mortis kiel la lasta iama habsburga posedanto de la tiea palaco en la jaro 1936.

## 1919 ĝis 2003

Post la unua mondmilito (1914–1918) Aŭstrio iĝis respubliko, kaj multaj nobeloj perdis sian propraĵon, kies nova posedanto iĝis la juna respubliko, kiu ne pagis kompenson al la nobeloj. Oni volis neniigi la memoron pri la monarkia pasinteco. La pompaj salonegoj fermiĝis, ili iĝis storejoj por artaĵoj, burooj kaj bibliotekoj. La kultura heredaĵo iom post iom ruiniĝis. Tamen

kreskis la kolekto sub Alfred Stix, la direktoro de Albertina de 1923 ĝis 1934. Li kompletigis la kolekton aĉetante francajn kaj germanajn desegnaĵojn. La nomo „Albertina” por la kolekto kaj por la konstruaĵo iĝis oficiala jam en la jaro 1921.

La 12an de marto 1945 Albertina grave damaĝiĝis pro bombardado fare de usonaj aviadiloj. Ĝis 1952 nur supraĵe oni renovigis la palacon, kiu perdis sian historian identecon. En la jaro 1959 ĝi estis malfermita nur 35 horojn en la semajno kaj la nombro de la vizitantoj kaj uzantoj estis ne granda.

## Ampleksa renovigado

De 1962 ĝis 1986 direktoro Walter Koschatzky revivigis la palacon kaj la kolekton. Li okazigis 200 ekspoziciojn, tial Albertina iĝis pli konata.

Albertina alikonstruiĝis kaj renoviĝis en la 1990aj jaroj. La remalfermo okazis ne 2002, sed nur 2003, ĉar dumlabore oni trovis romian tombejon kun 130 tomboj. Reestiĝis la historia fasado kaj la 18 pompaj salonegoj. En diversaj landoj oni sukcesis aĉeti la originalajn historiajn meblojn el la periodo inter 1780 kaj 1822. La ĉefa enirejo rekonstruiĝis sur la nivelo de la 11 metrojn alta bastiono. Nove estiĝis ĉambregoj por ekspozicioj, la areo por tiaj kreskis de 150 m² al 5.000 m². La volumeno de la nova subtera storejo estas 5000 $m^3$. Rimarkindas ŝtuparo por festaj eventoj kaj spegula ĉambro.

Por vizitantoj okulfrapas flugilsimila tegmento (Flugdach, „Soravia Wing“) el titano, konceptita 2003 de la aŭstra skulptisto Hans Hollein (1934–2014). Temas pri 53 metrojn longa, mallarĝa tegmento antaŭ la enirejo, kiu aŭdace trastrekas la historian fasadon. Ĝi estis kaj estas ege diskutata, sed necesa, ĉar ĝi protektas kontraŭ pluvo la novajn lifton kaj rulŝtuparon. La lifto necesas por vizitantoj, kiuj bezonas rulseĝon, ĉar la ramplon oriente de Albertina oni anstataŭigis per kruta ŝtuparo. Erwin und Hanno Soravia pagis la kostojn de la tegmento. La familio Soravia okupiĝas pri konstru-projektoj kaj nemoveblaĵoj. Sub la tegmento legeblas la vortoj „Sammlung (kolekto) Batliner”. Tiu kolekto, kiu konsistas el 500 artaĵoj de la franca impresionismo ĝis la nuntempa arto, la

kerno de daŭra ekspozicio, estas ekde 2007 propraĵo de Albertina. Rita kaj Herbert Batliner kolektis tiujn pentraĵojn ekde la 1960aj jaroj.




La muzeo Albertina en Vieno
malantaŭ la Palmejo kaj la Burga Ĝardeno

## Albertina hodiaŭ

Profesoro d-ro Klaus Albrecht Schröder estas la direktoro ekde 1999. Li evoluigis la pozicion de Albertina, kiu estas nun ne nur ŝtata scienca institucio kaj ne nur grafikaĵa kolekto, sed ankaŭ kolektas kaj ekspozicias fotojn kaj pentraĵojn. Daŭre Schröder klopodas ekspozicii ne nur objektojn de Albertina mem, sed ankaŭ de aliaj institucioj kaj daŭrajn respektive portempajn pruntaĵojn.

La nombro de la vizitantoj ege kreskis al preskaŭ 800 mil jare. Albertina estas nun unu el la plej multe vizitataj muzeoj en Vieno. La kvar fakoj estas

grafikaĵoj, fotoj, pentraĵoj kaj arkitekturaj objektoj. Kreskis ankaŭ la nombro de la kunlaborantoj de 60 en la jaro 1999 al 300 aktuale.

En la jaro 2008 malfermiĝis nova 300 m² granda salonego por studado. Tiel eblas aliri la kolekton, kiu konsistas el pli ol unu miliono da objektoj. En la subtera, kvaretaĝa esplorejo troviĝas biblioteko, renovigejo kaj laborejo.

Pro pluvego en junio 2009 akvo fluis en la subteran storejon. Pro teknika damaĝo oni ne tuj povis reagi. Rapidege oni devis transporti 950 mil objektojn provizore al sekura loko.

Pliaj informoj troveblas en tiu Kultura Raporto:
http://www.kunstkultur.bka.gv.at/DocView.axd?CobId=66667

Renate kaj Walter Klag




Litografio ĉirkaŭ 1840




Antonio Canova: Cenotafo por Marie Christine, Aŭgustina Preĝejo
1798 - 1805
UXORI OPTIMAE - POR LA PLEJ BONA EDZINO
Sur la monumento ne videblas kristanaj simboloj,
sed kelkaj framasonaj motivoj.

## Prononco

Maria Theresia [terézia] regis 1740 ĝis 1780; Tarouc(c)a [taruka]; Kasimir de Sachsen-Teschen [kázimir de Saksio-Teŝino]; Christina [kristina]; Schlosshof [ŝloshóf]; Preßburg [presburg]; William Hamilton [ŭiljem hémiltn]; Giacomo Conte Durazzo [ĝákomo konte duraco]; Louis de Montoyer [luj de montojé]; Lyon [lió]; Kaunitz (Wenzel Anton Graf Kaunitz-Rietberg, 1711-1794) [kaŭnic]; Antonio Canova [antónio kanova]; Laken [laken]; Carl [karl]; Nassau-Weilburg [nasaŭ-vajlburg]; Josef Kornhäusel [jozef kornhojsel]; Albrecht [albreĥt]; Custozza [kustoca]; Friedrich [fridriĥ]; Croy [kroj]; Teschen [teŝen] estas hodiaŭ pola-ĉeĥa duobla urbo Cieszyn - Český Těšín en Silezio; Mosonmagyaróvár [móŝonmadjarovar]; Stix [ŝtiks]; Walter Koschatzky [valter koŝacki]; Schröder [ŝröder]; Hollein [holajn]; Soravia [sorávia].

## Fontoj

wien-vienna.at/kultur/kunst/die-baugeschichte-der-albertina/
www.wien.gv.at/wiki/index.php?title=Habsburger
www.habsburger.net
de.wikipedia.org/wiki/Hofbauamt
www.burgen-austria.com/palais.php, www.burgen-austria.com/palais.php?id=95
artinwords.de/die-gruendung-der-albertina/
www.wien.gv.at/wiki/index.php/Hofstadel
www.burghauptmannschaft.at
deacademic.com/dic.nsf/dewiki/1071580
derstandard.at/1233579/Das-Palais-auf-der-Bastei
www.wien.gv.at/wiki/index.php?title=Felix_Czeike:_Historisches_Lexikon_Wien
www.digital.wienbibliothek.at/wbrobv/content/titleinfo/1112764
www.ksta.de/palais-frisch-vergoldet-13872938?originalReferrer=https://www.google.at/
derstandard.at/1230346/Verzahnter-Komplex-von-Einzelgebaeuden
www.planet-vienna.com/E/SPOTS/palais_albertina/albertina.htm




**La imperiestra kastelo Hofburg en la unua distrikto de Vieno**

10 ... Albertina
2a ... Aŭgustina preĝejo
2b ... Aŭgustina monaĥejo
8 … La Pompa Salonego (Prunksaal)
13 … Miĥaela kupolo, iama sidejo de Internacia Esperanto-Muzeo IEM
C … Miĥaela Placo (Michaeler Platz)
Norde de C … Herrengasse 9, Esperanto-Muzeo
E … Jozefa Placo (Josefsplatz)
G … Burga Ĝardeno (Burggarten)
Pliaj klarigoj: de.wikipedia.org/wiki/Hofburg

# Der **Weltverband** der esperantosprachigen **Journalisten** stellt sich vor


Treffen von esperantosprachigen Journalisten in Kopenhagen

Der Journalisten-Weltverband **Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio**, kurz TEĴA, wurde 1946 in Schweden gegründet und 2008 in Vilnius neu organisiert. Als juristische Persönlichkeit wurde er 2008 in Litauen registriert.
Die Mitglieder kommen aus 39 Ländern in allen fünf Kontinenten.

Jedes Jahr findet eine Generalversammlung statt, meist im Rahmen des Esperanto-Weltkongresses.
Der 103. Esperanto-Weltkongress findet 2018 in Lissabon statt.




TEĴA-Mitglieder zahlen
15 € für 3 Jahre
99 € für Mitgliedschaft auf Lebenszeit

Alle Mitglieder erhalten einen Presseausweis.
**www.tejha.org**

Marto 2016 – Februaro 2017

# Raportoj el Japanio 20

## Katastrofo de Japanio en la sesa jaro

HORI Jasuo




Mendu la libron ĉe la libroservo de UEA

# Esperanto in Wien lernen

ESPERANTO

## EINE STUNDE KOMPAKT

**FÜR STUDENTINNEN UND STUDENTEN**

im Café Schopenhauer, Wien 18., Staudgasse 1.
5 Gehminuten von U6 Währingerstraße.
Die Termine erfahren Sie bei

esperanto@chello.at

Teilnahme kostenfrei • Keine Spende



## Esperanto-Jugend-Lernrunde Wien

für Junge und Junggebliebene,
für alle Sprachniveaus.
Bei der besten, größten und billigsten Pizza Wiens lernen wir in gemütlicher und unterhaltsamer Runde ganz individuell.

**Pizzeria Mafiosi, Wien 15., Reindorfgasse 15**

Termine und Anmeldung: jel_vieno@yahoo.com

Teilnahme kostenfrei • Keine Spende



## Freie Esperanto-Lernrunde Wien

Termine: kurt.lhotzky@gmail.com

Literaturbuffet, Wien 2., Rotensterngasse 2.
U2 Taborstraße

Teilnahme kostenfrei • Keine Spende

"Esperanto ist eine hervorragend gelungene Form der Optimierung von Sprache
für die internationale Kommunikation."
Univ.-Prof. Dr. Heiner Eichner, Wien

# Esperanto-Kongresse

# für junge Leute

Internacia Junulara Kongreso IJK




Somera Esperanto-Studado SES

Junulara Esperanto-Semajno JES




Klaĉ-Kunveno Post-Somera KKPS

Franca Esperanto-Semajno Terure Organizita FESTO

| |
|---|
| Bei einigen dieser Kongresse kann man mit Steloj zahlen.<br>1 Eŭro ≈ 4 Steloj 1 Stelo ≈ 25 €-Cent |









# GEDENKJAHR 2018

## 2018 ist Saussure-Jahr. Vor 150 Jahren, am 17. März 1868, wurde René de Saussure in Genf geboren.

Nach dem Studium der Sprachwissenschaft und der Mathematik verfasste er sein wichtigstes Werk "Über die Wortbildung im Esperanto".

1907 publizierte René de Saussure das Projekt einer universellen Währung, die er "Spesmilo“ nannte. Aus dem französischen Wort "espèce" leitete er "speso" ab. Mil bedeutet 1000. 1 Spesmilo (Sm) = 10 Spescentoj (Sc) = 100 Spesdekoj (Sd) = 1000 Spesoj.




₷




Diese Währung wurde offiziell von einigen britischen und Schweizer Banken verwendet.

Der Spesmilo (Sm) hatte den Wert von 0,733 g reinem Gold und konnte wegen der Goldbindung leicht in andere Währungen umgerechnet werden:
1 Sm = 2 Britische Schillinge = 1 Russischer Rubel = 0,5 US-Dollars = 2,5 Schweizer oder Französische Franken = 2,5 Spanische Peseten.

Die Münzen zu 1 und 2 Sm waren und sind bis heute begehrte Sammelobjekte und verschwanden daher schnell aus der Zirkulation. Seit 1919 hat der Spesmilo nur mehr numismatischen Wert.

1942 wurde in den Niederlanden die Universala Ligo gegründet. Diese Organisation trat für die internationale Verständigung und eine universelle Währung ein. Der Name dieser Währung ist Stelo (Esperanto: Stern; Mehrzahl Steloj). 1959 wurden Münzen zu 1, 5 und 10 Steloj geprägt, 1965 folgten drei Varianten einer 25-Steloj-Münze. Auch Papiergeld wurde herausgegeben. Die Steloj eigneten sich sehr gut vor allem für die Überweisung von kleineren Beträgen im internationalen Zahlungsverkehr. Auch diese Münzen und Geldscheine wurden eifrig gesammelt und sind heute sehr gesucht.




Zur 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure am 17. März 2018 wurde eine silberne Medaille in Form einer Münze mit einer Nominale von 100 Steloj herausgegeben. Sie besteht aus 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 g), der Durchmesser beträgt 37 mm. Hersteller ist die Münze Österreich, eine Tochter der Österreichischen Nationalbank. Die künstlerische Feinarbeit stammt von Mag. Helmut Andexlinger, der Chefgraveur der Münze Österreich ist. Andexlinger leitet seit 2016 die Graveurabteilung der Münze Österreich. Er hat die Fachschule für Metalldesign in Steyr absolviert, danach studierte er Kommunikationswissenschaften an der Universität Wien. Zu seinen größten Erfolgen zählt das Design für die 2-Euro-Münze 2012, die in 17 Ländern in Umlauf ist; er gewann dafür einen Wettbewerb mit 800 Einreichungen.




Prezo 49 € plus sendokostoj.
Mendoj: esperanto@chello.at

Esperanto ist im Aufschwung. In den letzten drei Jahren meldeten sich über 1,5 Millionen bei den kostenfreien Esperantokursen von lernu und duolingo an. Parallel dazu steigen auch die Teilnehmerzahlen bei Esperanto-Jugendkongressen.

Abbildungen von Stelo-Münzen findet man bei Wikimedia Commons unter https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

Walter Klag

# Die junge Sprache für junge Menschen
## Esperanto hat Erfolg

► **Die internationale Kultursprache Esperanto ist wesentlich leichter als Englisch erlernbar.**

► **Esperanto** eignet sich sehr gut für die **internationale Kommunikation.**

► Esperanto ist **Kommunikation und Kulturtransfer auf gleicher Augenhöhe** für Menschen mit verschiedenen Muttersprachen.
Mit Esperanto ist heute ein internationaler Wissenschafts- und Kulturaustausch möglich, ohne dass ein Volk deshalb diskriminiert ist, weil seine Sprache nicht als international bedeutsam angesehen wird.

► Mit Esperanto kann man die unterschiedlichen Aspekte des menschlichen Denkens und Fühlens ausdrücken.

► Esperanto bedeutet Selbstorganisation von Bürgerinnen und Bürgern und kommt ohne öffentliche Subventionen aus.

► Esperanto ist eine lebende Sprache, die sich wie andere Sprachen entwickelt.

**1,5 Millionen**

lernen Esperanto mit dem Gratiskursen von *duolingo.*

**260 000**

lernen Esperanto kostenfrei mit www.**lernu**.net

Noch nie haben so viele Menschen Esperanto gelernt wie in den letzten drei Jahren.

**Wikipedia in Esperanto**

**240 000** Artikel eo.wikipedia.org

Das Geld der Esperanto-Gemeinschaft:
commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen,**
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**

Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono